## Pri la lingv'aĵo kaj ortografio[1] de

# juna amiko

Sen pied'notoj ni uzas nur la plej oftajn 1237 vort'radikojn. Tiu ĉi vort-ar'eto: ***Esperanto, Minimum szótár*** aperis en 1995, kaj estas aĉet-ebla ĉe la libro-servo de UEA kaj HEA.

**Krom-signoj**, kiuj helpas komenc'antojn:

**Divido-streko(-)** trov'iĝas inter la elementoj de vort'kun-metoj, kiam ne mankas fin'aĵo, ekzemple: tablo-tuko, el-iri ...

**Vertikala strek'eto (')** signas mankon de fin-aĵo: bild'karto, verd'iĝi ...

Kiam io helpas la re-konon, kiel ekzemple: tuttaga (tt) aŭ la vorto re-venas en la sama ar-tikolo aŭ kiam la vorto estas tre kon'ata jam por komencanto (esper-antisto, patrino ...) ni ne uzas kromsignojn.

Vi ofte trovas komojn (,). Ankaŭ per tio ni deziras helpi komencantojn.

1. regul'aro de la ĝusta skribo

☺

***Sur la titol'paĝo: Gayani Atukorala lernantino en la sesa klaso de unuagrada lernejo Clayton North***

***SRILANKO***

## AGRABLAJ NOV'AĴOJ

*Foli'um'ante ĉi tiun numeron vi certe tro-vos verkojn, bildojn de nova karaktero. Tio estas granda feliĉo por mi, esper'eble ankaŭ por vi, ĉar tio, pli ol flataj[1] vortoj, atestas[2], ke la leg'antoj konsideras nian gazeton utilaj lern'ilo kaj leg'aĵo. Mi ricevis multajn, tre bo-najn verk'etojn el diversaj landoj de la mon-do. Estis mal-facile elekti inter ili. Mi decidis, fine, ŝovi kelkajn tradiciajn rubrikojn[3] al la sekva numero. Kaj tio ver'ŝajne restos tiele, dum mi ricevos multajn utilajn verkojn de kun-labor'antoj kaj legantoj. Dankon pro ili!*

## NI HAVAS HEJM'PAĜON EN INTERRETO

*Kun ĝojo mi informas vin, ke ni havas tre modestan[4] hejm'paĝon en Interreto. Ĝi pre-zentas nian cel'adon, la redakcion, en-havon de la plej freŝa numero kaj la abon'kotizojn[5] en diversaj tarifo-zonoj kun adresoj de la per-antoj. Tion mi konsideras la unua paŝo, kiun certe sekvos aliaj. Mi pensas, ekzemple, pri aper'igo de kelkaj artikoloj, konkursoj ktp (=kaj tiel plu). La hejmpaĝo estas komuna kun ILEI-Komisiono pri Konkursoj. Estas do utile viziti ĝin de tempo al tempo. Vi trovas ĝin sub:* ***<http://w3.datanet.hu/~bjg/esper-anto>****. Pro ĝia ekzisto ni dankas al la direktoro[6] de la Gimnazio Julia Bányai (:Banjai), Ludoviko Lukács (:Lukaĉ) kaj al mia lernanto, lert'ulo en komputiko[7], Tomaso Kálmán (:Kalman).*

Geza Kurucz
redaktoro

1. tro afabla; 2. montri, pruvi; 3. parto de gazeto por unu sama temo; 4. simpla, griza; 5. certa mon'sumo por ricevi gazeton dum la tuta jaro; 6. lernej'estro; 7. scienco-branĉo de komunik'ado

# MANIFESTO DE LA ESPERANTO-MOVADO

Vi, kiu decidis lerni Esperanton, certe volas far'iĝi vera esperantisto. Esperantisto estas homo, kiu parolas la Internacian Lingvon kaj faras ĉion por dis-vast'igi ĝin. Tio ne estas facila tasko. Antaŭ-juĝoj vivas amase inter homoj eĉ bon'intencaj. La Manifesto[1], kiu estis akcept'ita last-jare en Prago, en kelkaj sin-sekvaj numeroj donos al vi utilajn argumentojn[2]. Dekstre, sur nigra fono, vi trovas laŭ-vortan tekston de la Manifesto, mal-dekstre komentojn[3]. Niaj bazaj principoj[4] estas jenaj:

## 1. DEMOKRATIO

Kun la tempo demokratio ludas ĉiam pli kaj pli gravan rolon en la historio de la hom'aro. Demokratio signifas, ke ĉiu homo, hom'grupo aŭ nacio havas egalajn rajtojn. En demokratio oni ne devas distingi[5] homojn, ekzemple, laŭ haŭt'koloro, religio kaj **lingvo.** Pri tiu ĉi lasta la mondo ankoraŭ ne konsciiĝis. Oni ĉiam ankoraŭ akceptas la pra-tempan solvon, nome la lingvo de la plej forta homgrupo valoras plej multe, kiam oni deziras inter-komunik'iĝi trans la gepatra lingvo-limo. Tio estas evidenta mal-just'eco.

Kial? Ĉar neniu povas elekti sian gepatran lingvon, ĉar neniu kulpas pri tio, ke li naskiĝis Afgano, Cigano, Hindo aŭ Albano. Ankaŭ ili dediĉis[6] tiel multe da tempo por ellerni la lingvon per kiu ili komunikas inter si kiel tiuj, kiuj naskiĝis Angloj, Francoj, Hispanoj ... . Sed ĉi tiuj havas avantaĝon: ilia lingvo estas pli ofte uz'ata en trans-nacia komunikado. Ofte la plej riĉaj landoj ŝparas multan tempon, energion kaj monon, kaj la malriĉaj el-spezas amason da mono, se ne paroli pri la energio kaj tempo kaj, malgraŭ mult-jaraj seriozaj laboroj, ili ne povas atingi la nivelon de tiuj, kiuj ricevis la lingvon "donace". Nur tiu solvo povas esti justa kaj inda je demokratio, en kiu ĉiu egale devas investi[7] por la lingvo-scio transnacia.

Komunika sistemo, kiu tut'vive privilegias[8] iujn homojn sed postulas de aliaj ke ili investu jarojn da penoj por atingi mal-pli altan gradon de kapablo, estas fudamente mal-demokratia. Kvankam, kiel ĉiu lingvo, Esperanto ne estas perfekta[9], ĝi ege superas ĉiun rivalon[10] en la sfero[11] de egaleca tut'monda komunikado. **Ni asertas[12] ke lingva mal-egaleco sekv'igas komunikan malegalecon je ĉiuj niveloj, inkluzive[13] de la internacia nivelo. Ni estas movado por demokratia komunikado.**

*1. esenca verko por la publiko; 2. pruv'iloj por re-bati malĝustan ideon; 3. klar'iga al-dono; 4. grava, esenca ideo; 5. fari diferencon; 6. sin doni por io; 7. en-meti energion kaj monon; 8. doni super-eçon; 9. plej bone el-far'ita; 10. io aŭ iu, kiu volas superi aliajn; 11. ag'ad'kampo; 12. el-diri sen duboj; 13. en-kalkul'ante*

En kaĝ'ego[2] malantaŭ fortaj bar'iloj kuŝas leonoj; ili oscedas[3]. Multaj viroj, virinoj kaj infanoj staras antaŭ la feraj kradoj[4] kaj rigardas la terurajn bestojn.

Subite — granda miro! Mus'eto[5] tra-kuras la kaĝon. La malsaĝa best'eto proksim'iĝas rekte al la leonoj. Ĝi eĉ salt'etas ĝis la pied'egoj de unu el la rabo-bestoj, flar'etas[6] ... kaj ho! — ĝi trans-grimpas la femuron[7] de la terur'ulo.

La leono rimarkas la muson, levas la kapon, flaras, palpebr'umas[8] ... kaj ree oscedas. Ĝi ne mort'igas la museton, ĝi ja estas la fiera reĝo de la bestoj!

La muso for-kuras kaj tra la bariloj el-iras.

Mal-feliĉa besteto! Ombreloj[9], bastonoj kaj ŝuoj batas ĝin. Ja homo ne estas reĝo de la naturo. Reĝo devas esti nobla[10] kaj saĝa.

Kaj nun demando: Ĉe kiu flanko de la kradoj trov'iĝas rabobestoj?

Laŭ *Tatjana Auderskaja*



1. rabi: per-forte akiri; 2. mal-vasta ĉirkaŭ-bar'ita loĝ'ejo de bestoj; 3. tra larĝe mal-ferm'ita buŝo el-igi aeron pro enuo; 4. longa fera bastono; 5. malgrand'ega griza mam-best'eto; 6. kapti odoron per nazo; 7. la supra, dika parto de la kruro; 8. palpebro: kovrilo de okulo; 9. port'ebla ŝirm'ilo kontraŭ suno aŭ pluvo; 10. bon'kora kaj eleganta.

*Lev Tolstoj*

# DU BONAJ AMIKOJ



Du bonaj amikoj el-iris en arbaron kaj urso[1] atakis ilin. Unu ekkuris, grimpis sur arbon kaj kaŝis sin, la alia restis sur la vojo. Kio restis al li fari? Li ĵetis sin sur la teron kaj ŝajn'igis sin mort'into.

La urso al-iris, flaris[2] la knabon, kiu ĉes'igis eĉ la spir'adon.

La urso flaris la vizaĝon kaj, opini'ante lin mortinta, for-iris.

Kiam la urso jam estis for, la amiko de-iris de la arbo, ek-ridis kaj demandis.

– Diru, mi petas, kion la urso flustris[3] al vi en la orelon?

– Ĝi diris, ke mal-fidela estas la homo, kiu en danĝero ne helpas sian amikon.

El la rusa tradukis: *Geza Kurucz*

1. granda bruna besto de arbaro; 2. senti per nazo; 3. diri tre mallaŭte, apenaŭ aŭd'eble.



# Franz Schubert

## 1797-1828

Li estis malalta, miopa[1], ne havis proprajn loĝejon kaj familion. Lia kariero[2] fiaskis[3] kaj li mortis juna, 31-jara. Malgraŭ ĉio ĉi, *Franz Schubert* (:Franc Ŝubert) vivis interne riĉegan vivon. En tiu ĉi jaro oni festas la 200-an dat're-venon de lia naskiĝo ĉie, tra la muzik'ema mondo. Evident'iĝis, ke liaj verkoj apartenas al la plej grandiozaj[4] komponaĵoj[5] de la Eŭropa muziko.

*Franz Schubert* naskiĝis apud Vieno, en *Lichtenthal* kiel filo de instruisto. Lia muzika talento[6] frue montr'iĝis kaj 12-jara li ricevis stipendion[7] por lerni en Vieno elementajn kaj muzikajn fakojn. La deziro komponi daŭre kreskis en li. Sed la patro volis fari lin instruisto. Por la juna *Franz Schubert* tiu okupo montr'iĝis turmento[8] kaj li baldaŭ for-kuris. Liaj plej sinceraj amoj, unue al *Therese Grob,* juna kant'istino, poste al *Karoline,* filino de grafo[9] *Eszterházy,* ĉe kiu dum du someroj li instruis piano-ludon[10], ne plen'um'iĝis.

Re-konon li trovis en rondo de kapablaj muzikistoj, pentristoj kaj poetoj[11]. Ili fariĝis lia familio, por ili li komponis kaj muzikis. Vespere ili renkont'iĝis en t.n. (tiel nom'ata) *„Schubertiaden"* („Schubert'aĵo"). Tie li prezentis siajn plej novajn kantojn. Publika koncerto kun liaj verkoj okazis nur unu-foje!

Kon'ata, dum sia vivo, nur en amika rondo, post-morte li fariĝis mond'vaste fama. Kiel iniciat'into[12] de „romantika arta kanto" li verkis pli ol 600 pecojn en tiu ĉi stilo[13]. Krome, li verkis simfoniojn, ĉambro- kaj piano-muzikon du- kaj kvar-manan kaj preĝ'ejan muzikon. Ĝis nun, el lia verk'aro nur la operoj[14] ne akiris rekonon. Lia melodi'ema romantika stilo, ŝajne, ne kontent'igas la bezonojn de opero.

*Franz Schubert,* bedaŭr'inde, ne povis rikolti la fruktojn de sia laboro. Por-tempe, li certe estis gaja, ĝuis la vivon, sed en la fino de sia mallonga vivo li amare[15] demandis amikon, *„ĉu fakte ekzistas gaja*

*muziko?"* Ankaŭ tiu tragedia[16] tono[17] sent'iĝas en liaj verkoj. Sed eble ĝuste pro tiu vivo-vera miks'aĵo de diversaj sentoj, liaj muzikaĵoj fariĝis tut'monde popularaj[18].

La nuna jubileo[19] de Schubert memor'igu nin pri tio, ke eĉ vivo supr'aĵe mizera povas esti interne riĉega ĝis mond'fama rekono.

Teksto kaj grafiko de
*Rita Rössler-Buckel* (Germanio)

1. tia, ke li/ŝi vidas nur tre proksimajn objektojn; 2. vivo-vojo; 3. malsukcesi; 4. grand'sukcesa; 5. komponi: verki muzik'aĵon; 6. bonega kapablo por io; 7. mon'helpo por lernanto; 8. dolor'iga ago; 9. alt'rang'ulo; 10. piano: muzik'ilo kun multaj kordoj (metal'fadenoj) kaj blankaj nigraj frap'iloj; 11. homo, kiu verkas vers'aĵojn; 12. iniciati: komenci ion novan; 13. verk'maniero; 14. muzika teatr'aĵo; 15. mal-dolĉe; 16. mal-gaj'ega; 17. alt'eco de voĉo; ĉi tie: parol'maniero; 18. kon'ata kaj ŝat'ata; 19. rond'cifera dat're-veno.

*Por tiu ĉi fojo ni elektis simplan, mallongan sed tre belan poemon[1] de unu el la pioniroj[2] de Esperanto, Roman Frenkel. Li estis Ruso, gimnazia[3] direktoro[4], kun-laboris en diversaj gazetoj kaj redaktis **„Krestomation[5] por infanoj"**.*

*Mi havas proponon: legu la poemon, komprenu ĝin, meditu[6] pri ĝia valora en-havo kaj parker'igu[7] ĝin. Ĝi meritas tion, ĉu vi ne trovas?*

***Roman FRENKEL***

## ANKAŬ ...

**Ankaŭ dum vintro frost'ega**
**Trov'iĝas bird'et', kiu trilas[8];**
**Ankaŭ dum nokto malhela**
**Troviĝas stel'et', kiu brilas!**

**Inter la nuboj griz'egaj**
**Ankaŭ tra-iĝas la suno;**
**Portas vent'eto la suda**
**Varmon eĉ dum la aŭtuno!**

**Ankaŭ en mond' egoista[9]**
**Troviĝas la kor', kiu amas;**
**Ankaŭ dum hor' de l' mizero**
**Konsolas esper', kiu flamas.**

1. vers'aĵo; 2. batal'anto por nova ideo; 3. speco de mez'lernejo; 4. lernej'estro. 5. granda kolekto de taŭgaj verkoj; 6. longe kaj profunde pensi por veni al la senco; 7. scii laŭ-vorte sen rigardi la tekston; 8. trilo: belega birda kanto; 9. mio-centra

```
   _
  / \
 /|oo \
(_| /_)
 -`@/- \    _
|     |\  \\ |
| (*) | \  )) |
|__U__| /  V/
 _//|| _\  /  |
(_/(_|(_____/
```

*Iam oni petis la fizik'iston Albert Einstein (:Ajnŝtajn) klar'igi, kio estas radio. Li respondis: „Vidu, drata telegrafo similas al tre longa kato. Kiam vi tiras ĝian voston en Novjorko, ĝia kapo miaŭas[1] en Los Angeles (:Los Anĝeles). Ĉu vi komprenas tion? Kaj radio laboras tiel same: vi sendas signalon ĉi tie kaj oni ricevas ĝin tie. Estas nur malgranda diferenco: mankas la kato."*
*Se radio estas tre, tre longa kato, kio estas Interreto? Ĉu tre tre longa tigro?*
*(Fonto: „UNIX Fortune program")*

# HUNDO, KIU FIDELE AL-PORTAS INFORMOJN

Pri *komput'iloj* kaj *InterNet* nun scias eĉ suĉ'infano, kvankam, povas esti, ke ĝi ne povas el-paroli klare, eble ĝi diras ion *„Intnet"* kaj ni ne komprenas ĝin.

<< ANTIKVA EPOKO>>

Kiam nask'iĝis komputiloj, ili estis gigantaj[2], multe-kostaj kaj malrapidaj. Por funkciigi ilin necesis specialaj, tre alte kvalifik'itaj[3] homoj – program'istoj. Ili sorĉis[4] ion antaŭ specialaj skribo-maŝinoj, lamp'etoj enigme[5] pulsis[6] kaj, post kelka tempo, print'ilo[7] vigle tamburis[8] sur papero kaj produktis kolonojn da ciferoj. La profesio de programisto similis al profesio de kosmonaŭto[9] – da ili estis tre malmultaj kaj alte salajr'ataj.

<< MEZ'EPOKO>>

Feliĉe, la komputiloj ege progresas kaj ĉiam pli proksim'iĝas al la homo. Tri eventoj[10] permesis al junaj homoj amase „ek-malsani" je program'ado kaj ligi sian est'ont'econ kun komputilo:

– naskiĝo de mikro-komputilo en garaĝo[11],
– adapto[12] de simpla program'lingvo BASIC (:bazik), kaj
– speciala aparat'eto: modemo.

Kiel naskiĝis la mikrokomputilo de S. Jobs kaj S. Voznjak kaj kiel tre baldaŭ ĝi okupis la tutan mondon, mi ne rakontos, pri tio jam estis skrib'ite tre ofte en la literaturo pri la historio de komputiloj. Same pri BASIC, kvankam ĝi aperis nur en la jaro 1965. Sed la du-opo, t.e. (=tio estas) mikrokomputilo + BASIC rezult'igis furoran[13] sukceson – kvazaŭ eksplodon de intereso al la komputila mondo, kiu iĝis al-ir'ebla por ordinaraj, ĉefe junaj homoj.



1. paroli kiel kato; 2. grandega; 3. kvalifiki: taksi laŭ valoro; 4. efiki per super-natura forto; 5. sekreto-plene; 6. ne egale, kiel sango en la korpo; 7. pres'ilo de komputilo; 8. rapide bat'eti kiel sur frap'muzik'ilo: tamburo; 9. homo kiu veturas ekster la Tero; 10. okaz'int'ajo; 11. aŭtomobil'ejo; 12. al-ĝust'igo; 13. ekster-ordinare granda. Daŭrigo sur paĝo 10.

### << ĴUS-TEMPO>>

Tre baldaŭ mikrokomputiloj tre popular'iĝis. Aperis pri ili multaj gazetoj. Sed la gazetoj aperis ne tre ofte, nov'aĵoj prokrast'iĝis unu, du monatojn kaj oni forte deziris kontakt'iĝi[14] sen-pere kaj tuje!

Kiel konekti[15] du komputilojn kaj inter-ŝanĝi informojn? Estas plej facile uzi telefonon. Telefono estas tre dis-vast'ig'ita kaj taŭga por preskaŭ tuja uzo. Sed ho ve, trans-doni cifer'ecan signalon por longa distanco estas tre malfacile. Eĉ pli malfacile, se oni uzas telefon'lineon, ĉar impulsa[16] signalo tre ŝanĝiĝas, sekve la komputilo ĉe la alia ekstremo[17] ne komprenos ĉu estas "0" aŭ "1".

Tamen, inĝenieroj el-pensis specialan aparaton, kiu faras el cifereca signalo de la komputilo sinusoidan (analogan) signalon. Ekzemple, por "0" – 2400 Hz, por "1" – 1200 Hz (1 Hz = unu ciklo dum sekundo). Kaj tiun signalon eblas tre facile trans-doni laŭ telefonlineoj. Tiun aparaton oni nomis MODEMO (MOdul'iloDE-MOdulilo).

Se preni ĵus montr'itan ekzemplon: "0" – 2400 Hz, "1" – 1200 Hz, oni povas kalkuli, ke dum sekundo eblas transdoni minimume 1200 bitojn aŭ 150 bajtojn. La nun-tempaj modemoj estas tre komplikaj kaj kapablas transdoni/akcepti ĝis 33600 bitojn dum sekundo aŭ ĝis 3200 bajtojn, se la telefona lineo permesas.

### << NUN-TEMPO>>

Mikrokomputilo + BASIC + Modemo. Tiu ĉi tri-opo est'igis la amatoran[18] komputilan reton. Povas esti, ke mi simpl'igas, sed ĝuste la ebl'eco sen-pere kontakti alian komputilon per modemo naskis "FIDO". FIDO estas ne-profit'cela globala[19] amatora komputila reto, kiu ebligas por homoj, kiuj havas komputilon kaj modemon, kontaktiĝi kun aliaj homoj per mesaĝoj, uzi temajn bankojn laŭ interesoj kaj interŝanĝi informojn. La emblemo de FIDO estas hundo, desegn'ita per simboloj, kiu fidele portas disk'eton[20], kaj ĝia nomo estas FIDO.

La uz'ado de servoj principe estas sen-paga kaj la tuta organiz'aĵo FIDO baz'iĝas je volont'uloj. Spirite ĝi estas do tre proksima al la Esperanto-movado kaj simile ĝi celas faciligi kontaktojn inter homoj (aŭ speciale: inter komput'em'uloj).

La tuta ter'globo estas divid'ita en kelkajn zonojn: 1 – Usono, 2 – Eŭropo ktp (=kaj tiel plu). Ĉiu zono estas dividita je retoj, kaj ĉiu reto konsistas el nodoj. Al ili povas konektiĝi simpla uz'anto, kiu nom'iĝas punkto. Ekzemple, iu Sami Deano havas FIDO adreson – 2:5020/45.21 – kiu leg'iĝas jene: 2 – Eŭropo, 5020 – Moskvo, 45 – iu nodo, 21 – konkreta uzanto. Se vi dezirus sendi leteron al Sami Deano per Interreto, sendu jene: <Sami.Deano@p21.f45.n5020.z2.fidonet.org>. Kiel konektiĝi al FIDO?

1. Necesas trovi proksiman nodo-ten'anton;
2. havi personan komputilon kun modemo (ju pli rapida, des pli bone).
3. Se la nodotenanto konsentas preni vin kiel 'punkton', prenu de li program'aron, se li ne konsentas, serĉu alian bon'koran nodotenanton.
4. Instalu la programaron.
5. Ĝuu FIDO-komun'umon!

<< TUJ-TEMPO>>

Komputil'retaj fak'uloj prave opinias, ke FIDO uzas ne tre progresivan teknologion kaj ke ĝi vivos ne tre longe. La pli progresiva Interreto for-movos ĝin. Povas esti. Tamen, nuntempe la listo de FIDO-anoj estas tre longa kaj en la pas'inta kun-veno de FIDO-anoj en Tomsk (Siberio) partoprenis pli ol 60 homoj, plej-parte junaj. Kaj kunvenis nur malgranda part'eto. Kiel mi ek-sciis, multaj el ili havas al-iron al Interreto.

Se vi estas vera komputemulo, vi certe volonte konkursas.

<< DEMANDOJ>>

1. Laŭ programisto, el kiom da metroj konsistas kilometro?
2. Laŭ programisto, kiom da milimetroj en-havas unu centimetro?
3. Ĉu vi konas la nomon de hundo, kiu fidele al-portas informojn?
4. Por nomi tre utilan aparaton, kiu povas ligi komputilojn, el du vortoj oni faris unu vorton. Pri kiu vorto temas?
5. Skribu tri literojn egalajn, kiuj nuntempe turmentas la tutan mondon.
6. Nomu la unuan alt'nivelan program'lingvon.
7. *Kiu ĉarma virina nomo estas ankaŭ programlingvo?*
8. Kiu programlingvo konsistas el unu litero?
9. La unua mikro-komputilo estis fabrik'ita en ...
10. Nomu faman scienc'iston kaj sam'noman programlingvon.

*La solvojn sendu al la aŭtoro de tiu ĉi artikolo. La plej lertaj ricevos premion.*

***Gennadij BASOV (2:5005/42.4 aŭ gbasov@po2.hcei.tomsk.su)***

14. kun-lig'iĝi; 15. kun-igi; 16. onde puls'anta; 17. pleja fino; 18. ne-profesia; 19. tuttera; 20. ronda plat'aĵo por komputiloj, sur ĝi oni konservas la informojn; 21. parto de la tuto; ero.

## *Trovu la* DETALOJN[21]!



La dua bildo diferencas de la unua per ses detaloj. Pri-skribu ilin kaj sendu la solvon al la redaktoro (adreso sur paĝo 23) ĝis la **20-a de novembro 1997**.

# MODELA ESPERANTA PAROLO

**Geknaboj en la aĝo ĝis 15 jaroj!**

# INTERNACIA KONKURSO

Ĉu vi aŭdis, ke geknaboj el diversaj landoj ĉiujare intermezuras siajn kapablojn pri bela Esperanta parolo? *Legu la ĉi-apudan al-vokon!* Kiel vi vidas, ne la konkursantoj veturas, sed iliaj voĉoj. Ne timu, kuraĝe al-iru ĝin! Vi povas nur gajni, ĉu ne? Sen-page vi povas fariĝi gajn'into.

*Alvoko*

**POR INTERNACIA KONKURSO PRI**

## MODELA ESPERANTA PAROLO

honore al IVO LAPENNA

Lernojaro 1997/98

Por etendi al Esperanto la tardicion de pluraj landoj, ni organizas la 6-an Internacian Konkurson, ĉi-foje por lernejanoj de 11 ĝis 15 jaroj.

Per la konkurso ni intencas turni atenton al bela, modela, por ĉiu klara kaj komprenebla parolo en Esperanto. La plej bonaj konkursantoj estos distingitaj per

**honora diplomo IVO LAPENNA.**

Ĉiu aliĝinto prezentos libere elektitan tekston ne pli longan ol 20 tajpitajn liniojn. La instruisto jurios siajn lernantojn kaj sendos la plej talentajn (ne pli ol du personojn) al regiona konkurso, kie la konkursantoj denove prezentos siajn tekstojn kaj tuj poste nekonatan, ricevitan samloke. La voĉoj estos registritaj en iu sonizola studio kaj la registraĵoj estos juriitaj de tri kompetentaj personoj apartenantaj al tri diversaj lingvofamilioj. Ĉiu el ili poentos (de 0 ĝis 10) ĉiun registraĵon ne konante la pritaksajn notojn de la ceteraj jurianoj.

**Ĉe juriado estos konsiderataj:**

***a) klara kaj regula prononco de ĉiuj sonoj, silaboj,***

***b) ĝustaj akcentado kaj intonado,***

***c) ritmo kaj laŭsenca disigo de penselementoj.***

**Aliĝo ĉe la propra instruisto ĝis la 23-a de decembro 1997.**
**Loka konkurso: en januaro 1998.**
**Regionaj konkursoj: ĝis la 20-a de februaro 1998.**
**Atentu! La konkursaĵoj devas atingi la adreson de la organizanto antaŭ la 15-a de marto 1998.**
**Ĵuriado: en marto 1998.**
**Prezento de la distingitoj: ĝis la 15-a de majo 1998.**

**Ĉiuj instruistoj, kies lernantoj deziras partopreni en la konkurso, informu la organizanton, s-ron Ivan Bekavac-Basić ĝis la 6-a de januaro 1998.**

***ILEI-Komisiono pri Lernejaj Konkursoj***
***prof. Ivan Bekavac-Basić, Kušlanova 59, HR-10000 Zagreb, Kroatio***
**Retadreso: *mbelosev@public.srce.hr***

*Last'jare la plej fama Usona revuo Time (:Tajm) elektis la finnan sportiston, PAAVO JOHANNES NURMI (1897-1973)*

# LA SPORTISTO DE LA JAR'CENTO

Antaŭ cent jaroj naskiĝis la plej fama kur'isto de mez'longaj distancoj de la jaroj 1920-aj.

Oni diras, ke Paavo Nurmi kuris Finnlandon sur la mapon[1], sed ne nur sur la mapon, sed ankaŭ en la korojn de ĉiuj finnoj en- kaj ekster-lande. Li grav'ege kontribuis[2] al la est'iĝo de la nacia mem-fido de la finnoj, kiuj post sen-de-pend'iĝo el sub Rusio (1917) ne plu volis sin senti sub-uloj kaj esti ne-certaj pri sia ident'eco.

Liajn multegajn venkojn kaj mond-rekordojn[3] (24 oficialaj[4] kaj 36 ne-oficialaj) novaj sportistoj jam superis sed, sia-tempe, li estis la „flug'anta finno", kiu akiris prestiĝon[5] kaj eĉ altajn mon'sumojn por Finnlando. Unu el la plej lastaj signoj de lia prestiĝo estas tio, ke en la kvartalo[6] *Marzahn* (:Marcan), en Berlino, lernejo elektis la nomon PAAVO NURMI anstataŭ sia antaŭa „nomo", kiu estis nur numero. La filo de Nurmi ĉeestis la nom'feston kaj la finna ŝtato donacis al la lernejo pokalon por iliaj sport'konkursoj.

En la fino de la 30-aj jaroj Nurmi soldat'iĝis, Finnlando ja batalis kontraŭ Sovetio. Poste, li vojaĝis, ekzemple, Usonon por ek-havi helpon kaj simpation[7] por la sufer'anta malriĉa patro-lando. Li igis Finnlandon kon'ata ĉie, kie li faris viziton.

En 1952 Nurmi estis elekt'ita por brul'igi la Olimpian Fajron en Helsinki. (Li akiris 9 orajn medalojn[8] en O-limpiaj Ludoj.) Tamen, ĉar la po-lic'ano, kiu gardis la vojon al la stadiono, ne re-konis Nurmi, li baris al li la vojon kaj preskaŭ detruis la mal-ferman solen'aĵon[9]. Feliĉe, la ŝoforo[10] de Nurmi sen permeso preter-veturis la policanon kaj la fama sport-isto sukcesis ĝusta-tempe ek-preni la Olimpian torĉon[11] por bruligi la fajron en la stadiono[12], kie sub pluvo sidis pli ol 70000 aplaŭd-antaj[13] spektantoj[14].



Statuo pri NURMI en Helsinki, ĉef'urbo de la lando

Nurmi de-venis el malriĉa labor-ista familio. En la lernejo li montris sin ege talenta[15] en ĉiuj fakoj krom muziko, sed post sia 13-a jaro li ne plu povis viziti lernejon, ĉar li devis sub-teni la malriĉan familion, kies patro frue orf-igis[16] la ge-filojn.

Li dediĉis[17] sian vivon al la sporto, ĉiam cel'ante venkon. Pri siaj sentoj, malfacil'aĵoj kaj atingoj, tamen, li ne ŝatis paroli. Li dis-fam'iĝis pro serioz'eco kaj ne-parol-emo. Kelkaj akuzis[18] lin pro manko de bonaj manieroj, pro lia modesta[19], popola deveno. Kiel mez'aĝ'ulo li mem, foje, diris, ke li ne plu aprecas[20] sporton. Estus pli bone far'iĝi art'isto aŭ scienc'isto. En tiuj fakoj la atingoj estas pli long'daŭraj ol en sporto.

Post sia kariero en sporto Nurmi laboris kiel komercisto. Li kolektis art'aĵojn, kvazaŭ sekrete iris aŭskulti koncertojn. Post malsan'iĝo li donacis grandajn sumojn por la kurac'ado de kor'mal-sanoj.

Or'ita piko-ŝuo kaj klik'horloĝo[21] de Paavo Nurmi povas esti vid'ataj en la sport'muzeo[22] de Finnlando. Pro lia centa dat-re-veno antaŭ ne-longe aperis en Finnlando tre bel'aspekta poŝt'marko. Liaj statuoj[23] ornamas[24] la urbojn Helsinki kaj Turku. Ilin skulptis Väinö Aaltonen, fama finna skulptisto, kiam Nurmi (la vorto en la finna lingvo signifas 'herbo, herbejo') staris sur la pinto de sia gloro[25] en la mondo de sporto.

Ĉi-somere oni okaz'igis honoran kuradon ek-de la statuo en Turku ĝis tiu en Helsinki, distanco 165-kilometra.

*Raita Pyhälä* (Finnlando)

1. land'karto; 2. al-porti sian parton al io; 3. la plej bona rezulto; 4. akcept'ita de supera organizo; 5. vasta laŭ-merita kon'at'eco; 6. urbo-parto; 7. plaĉo, favoro; 8. ronda metal'peco, kiun ricevas venk'into; 9. bela festa aranĝ'aĵo; 10. kondukisto de aŭtomobilo; 11. simpla lum'ilo kun longa ten'ilo el ligno; 12. grandega sport'ejo; 13. kun-frapi la manojn; 14. rigard'anto de filmo, sport'konkurso ...; 15. saĝa, lern'ema; 16. orfo: infano kies patr(in)o mortis; 17. plene trans-doni; 18. konsideri iun kulpa; 19. mal-fiera; 20. konsideri ion valora; 21. speco de horloĝo por mezuri kur'tempon de kur'isto; 22. el-montr'ejo de malnovaj valor'aĵoj, memor'aĵoj; 23. figuro el ŝtono aŭ metalo; 24. beligi; 25. fam'ego.

**PROVERBOJ**

**Per pacienco kaj fervoro sukcesas ĉiu laboro**
**Per pacienco venas scienco.**

**juna amiko**
aperas kvar-foje jare

**Abon'prezoj por 1998**

| | 1-2 ekz. | 3-6 | 7< |
|---|---|---|---|
| *Tarifo-zono 1:* | | | |
| NLG | 19 | 15 | 10 |
| SEK | 85 | 65 | 45 |
| FRF | 55 | 45 | 30 |
| GBP | 7 | 5.5 | 4 |
| DM | 17 | 13 | 9 |
| USD | 12 | 9 | 6 |
| *Tarifo-zono 2: Latin'ameriko* | | | |
| NLG | 9 | 7 | 5 |
| USD | 6 | 4.5 | 3 |
| *Tarifo-zono 3: Rusio, ktp.* | | | |
| DM | 6 | 4.5 | 3.5 |
| USD | 5 | 4 | 3 |
| NLG | 7 | 5.5 | 4 |
| HUF | 700 | 550 | 400 |
| IRK | 7 | 5 | 4 |
| *Tarifo-zono 4: Najbaroj* | | | |
| DM | 4.5 | 3.5 | 2.5 |
| USD | 3.5 | 3 | 2 |
| NLG | 5 | 4 | 3 |
| HUF | 500 | 400 | 300 |
| IRK | 5 | 4 | 3 |
| *Tarifo-zono 5: Hungario* | | | |
| HUF | 400 | 320 | 250 |

*Hungara peranto:*
Monika Molnár
Ságvári u. 21.
H-9735 CSEPREG

Pli ol 20 ekz. al unu adreso, petu pli grandan rabaton!

☺

**Pri problemoj de abonoj turnu vin al:**
**juna amiko**
Pf.193.
**H-1368 BUDAPEST**
Hungario

# Enigmo[1]

Rubriko[2] de Tatjana Auderskaja
Postrestante, UA-270001 ODESSA-1, Ukrainio

Ĉi-foje vi trovas la enigmon de s-ro *Stefan MacGill* (Hungario).Rompu la kapon!

## Kvin viroj – sed kiu estas kiu?

Staras kvin viroj, unu apud la alia. Jen iliaj nomoj en alfabeta[3] ordo:

Arturo, Keneto, Olivero, Petro, Reĝinaldo

Sube ni donas kelkajn faktojn (A-G). Uzu la faktojn kaj decidu, kiu estas kiu!




A) La viro kun ĉapelo ne estas Arturo.
B) La viro inter Reĝinaldo kaj Olivero ne portas okul'vitrojn.
C) La viro kun la fot'ilo ne staras apud Reĝinaldo.
Ĉ) Apud la viro kun lip'haroj staras Arturo.
D) La viro apud Olivero ne portas ĉapelon.
E) La viro kun fotilo ne estas Keneto.
F) La homo, kiu ridas, ne estas Arturo.
G) Reĝinaldo staras inter Keneto kaj la homo apud Petro.

Ĉi tiu paĝo harmonias[4] kun paĝo 20 de *Tendaraj tagoj,* kajero unu. Rigardu vian solvon zorge kaj, eble, vi povos decidi kie staras la viroj.

Sendu viajn solvojn al la rubrik'estro (vidu ŝian adreson supre) ĝis la apero de la ven'onta numero (decembro). Ni lot'umos[5] premiojn inter tiuj, kiuj respondis ĝuste. La solvo, kun nia klar'igo, aperos en la sekva numero.

**1. malfacile solv'ebla tasko; 2. aparta parto de gazeto por iu temo; 3. alfabeto: aboco; 4. estas en agordo kun io; 5. dis-doni laŭ la trafo de la bon'ŝanco**

# Por kurs'gvidantoj

Ĉu vi uzas pontojn? Certe, jes. Ĉu vi uzas ankaŭ *„azen'pontojn"*? Certe, jes, kondiĉe ke en via lingvo ekzistas tia esprimo, kiel en la germana, por nomi rememorigan helpilon.

Mi, ekzemple, ne sciante la zoologiajn fakterminojn, nur helpe de memkonstruitaj azenpontoj sukcesas pli malpli trafe orientiĝi pri tio, kio estas pego, pigo, vesperto, lacerto, meleagro, sciuro, talpo, erinaco, ezoko, ktp.

Ofte helpas versaĵetoj, en kiuj respeguliĝas certaj kutimoj, vivmanieroj, tipaj inklinoj de la karesindaj bestetoj. Jen kelkaj el ili:

*Famas pego*
*pro beka fortego.*

*Pigojn altiras,*
*se io ekbrilas.*

*Varmiĝas lacerto*
*en laca inerto.*

*Sur herbaro etaj alpoj:*
*Faris ilin fortaj talpoj!*

*De arbo al arbo, en svelta figuro,*
*gracile saltadas kurbvosta sciuro.*

*La kolo de meleagro*
*imponas per ruĝa flagro.*

*Por kapti ezokon,*
*apliku ruzecon kaj hokon!*

Sed ankaŭ aliajn vortojn oni povas konfuzi kun falsaj nocioj, se la literoj/sonoj kiel **s** kaj **ŝ** estas la solaj formalaj diferencigaj signoj. Germanlingvanoj, ekzemple, en kies gepatra lingvo ***s+t/p*** kaj ***ŝ+t/p*** estas prononcataj en la sama maniero, ofte eraras uzante vortojn kiel *stalo / ŝtalo, postaĵo / poŝtaĵo, spuro / ŝpuro, stelo / ŝtelo,* ktp.

Provu krei mnemoteknikaĵon, eventuale kun aludo pri historia evento:

*Super la **sta**lo malbela*
*brilis **ste**lo tre hela.*

Eĉ nuntempaj fi-agoj (laŭ mia propra opinio, kompreneble) servu kiel memorapogiloj:

*Nun la **poŝ**to privatiĝas:*
*Niaj **poŝ**oj malpleniĝas.*

*Eĉ **ŝta**laj bariloj:*
*Por **ŝte**listoj ludiloj!*

Cetere, mnemotekniko havas longan tradicion en la instruado de fremdaj lingvoj. Oni diferencigas inter mekanika, inĝenia kaj logika mnemotekniko.

Esploru, kiujn vortojn viaj gelernantoj taksas malfacile memorteneblaj kaj kiel ili klopodas memorfiksi tiujn. Instigu ilin al verkado de versformaj aŭ aliaj azenpontoj kaj sendu la plej trafajn, efikajn, ilustrajn al la aŭtoro de tiu ĉi artikoleto.

*D-ro Till Dahlenburg*
*Feldstraße 13*
*D-19412 Brüel*
*Germanio*



**Karaj infanoj, kiuj ĵus komencis lerni Esperanton! Ni salutas vin inter ni per ĉarma vers'aĵ'eto de fama hungara esperantisto, *Blazio Wacha* (:Vaĥa), tre fidela amiko de infanoj. Ellernu kaj kantu ĝin!**

# Donu akvon!

(Kant'eto kun akuzativoj[1])

„Donu **akvon**!"
„Jen ĝi!"
„**Fiŝo** naĝas
en ĝi!"

„Donu **piron**[2]!"
„Jen ĝi!"
„Loĝas **vermo**
en ĝi!"

„Donu **pomon**!"
„Jen ĝi!"
„Loĝas **vermo**
en ĝi!"

* * *

Vermo – en la
**pomo**,
Mi – loĝas en
**domo**.

INFANOJ ĈIRKAŬ LA MONDO



**Dialogoj**[3] (por ekzerci infanojn en la uzado de kelkaj vortoj de la kanteto)

Patrino: Ĉu mi donu ***pomon*** aŭ ***piron***?
Infano: Donu ***pomon***, mi petas!

Serpento: Ĉu mi donu ***pomon*** aŭ ***piron***?
Eva: Donu ***pomon***, mi petas!

Instruisto: Ĉu vermo loĝas en ***domo*** aŭ en ***pomo***?
Lernantino: En ***pomo***, sinjoro!

Infano: Ĉu fiŝo naĝas en ***akvo*** aŭ en ***ĉokolado***?
Patrino: En ***akvo***, nur en ***akvo***!




1.vorto kun **n**-fin'aĵo; 2. flava dolĉa frukto; 3. inter-parolo.

# interesaĵoj



**PRI LA NEDERLANDA TULIPO[1]**

**La pra-trov'iĝ'ejo estis ie en la herboriĉaj kampoj de Turkmenio. Unue la Turkoj kulturis la plej belajn specojn. Ili similas al la turka kap'vesto, turbano kaj la nomo de la floro venas de tiu vorto. La unuaj tulipo-bulboj[2] atingis Nederlandon, kiu nun estas la ĉef'lando de tulipo, en 1562. Ĉu vi aŭdis, ke ekzistas bulboj, kiuj valoras 4000 USD (usonajn dolarojn)?**

**Rubriko de Zoltán KURUCZ**

**Bovoj estas pli sent'emaj ol homoj**



Antaŭ ne longa tempo finna scienc'isto, Kallela konstatis, ke bovo estas tre sentema besto. Ĝi, ekzemple, malpli toleras bruon ol homo, preferas sol'econ kaj mal-facile el-tenas tra-blovon. Eksperimento[3] pruvis[4], ke gajaj bovinoj (viv'antaj inter favoraj cirkonstancoj[5]) donas multe pli da lakto ol malgajaj. La sciencisto rekomendas konstrui senbruajn bov'ejojn kaj la bovinoj (precipe tiuj kun ĵus nask'itaj bov'idoj) estu apart'ig'itaj.

**1. vidu la desegnon; speco de floro; 2. sub-tera glob'forma parto de trunko; 3. cel'konscia imito de naturaj okaz'aĵoj; 4. montri sen ajna dubo; 5. kondiĉ'aro.**

El ĉiuj animaloj[2], pro sia evolu'inta cerbo[3], la homo util'igas **plej multe** la naturajn valor'aĵojn de la planedo[4] Tero. Tial la homaro devas esti ankaŭ la **protekt'anto** de la tera mondo.

Dum cent-miloj da jaroj *'homo sapiens'* (homo sci'anta) evoluas uz'ante sian cerbon por **regi la naturan medion**. Ni baldaŭ en-iros la dudek unuan jar'centon, kaj la homoj de la evoluintaj landoj nun ekkonscias ke, por trans-vivi la novan jarcenton, **necesas de-teni niajn ego[5]-centrajn tenden-**




**cojn**[6]. Ni devas flegi la teron, ŝpar'eme rikolti ĝiajn valoraĵojn, kaj ne tro ŝarĝi nian planedon per venenaj[7] rubaĵoj[8], per for-ig'ado de naturaj arbaroj kaj per tro granda loĝ'ant'aro.

Per tiu ĉi nova rubriko[9] mi proponas, ke ĉiu leg'anto kontribuu, send-ante informojn, proponojn, ktp. (=kaj tiel plu), por helpi al la tuta leg-ant'aro vivi pli naturan, pacan, mal-avaran kaj kontentan vivon. Ni konsciu pri la paŝoj far'eblaj de ĉiu individuo[10] en la mondo por viv'teni Teron kaj la homaron.



Por fari ion utilan, ĉu vi scias, ekzemple, ke **dent-broso kun ŝanĝ'ebla broso**, estas aĉet'ebla por eviti for-ĵeton de plastaj[11] ten'iloj? Petu tian en via vend'ejo!

Bon'volu sendi proponojn por **verdigi nian vivon**!

Atendas viajn proponojn s-ino *Jennifer Bishop,* 39 Hill Street, Hawthorn, Victoria 3122, Aŭstralio / Retadreso: esperanto@education.monash.edu.au

1. la fizika ĉirkaŭ-aĵo; 2. homoj kaj bestoj; 3. organo en la kranio; 4. ĉiel'korpo; 5. mio; 6. daŭra emo al io; 7. mort'iga; 8. for-ĵet'it'aĵo; 9. paĝo en gazeto por iu temo; 10. ĉiu homo; 11. arte-far'ita materialo.

# KOLORAJ TAVOLOJ[6] EL SALO

## Donaco por infanoj

**Vi bezonas:**
- Kretojn[1] divers'kolorajn
- Salon
- Pot'eton
- Funelon[2]
- Botel'eton aŭ uj'eton el vitro
- Ŝtop'ilon aŭ pecon da ŝtofo[3] kaj ŝnur'eton




❶




En iu poteto, per bastono aŭ alia ilo, dis-premu kreton.

❷




Al-donu salon kaj miksu ĝin kun la kreto. Vi havos hel'koloran pulvoron[4].

❸

En-ŝutu[5] la belan pulvoron en botelon (aŭ en alian ujon).

❹




Per krajono en-ŝov'ita kreu ondojn, pintojn.

Post elekto de ali'kolora kreto denove ❶, ❷, ❸, ❹ ktp (= kaj tiel plu).

Dum enŝut'ado

- Vi povas klini la ujon por havi deklivan tavolon[6].
- Vi povas en-ŝovi[7] krajonon nur post 3 aŭ 4 tavoloj.
- Kiam la ujo estas plen'plena, ŝtopu ĝin per korko[8] aŭ per peco da ŝtofo firme lig'ita.

*Monique Noël*







1. skrib'ilo por klas'tabulo; 2. tubo kiu supre estas pli larĝa, per ĝi oni plen'igas botelojn; vidu la desegn'ajon; 3. teks'aĵo; 4. polv'igi'ita materialo, ĉi tie: kreto kaj salo; 5. verŝi nefluan materialon; 6. unu el sam'specaj materialoj unu super la alia; 7. movi ne-lev'itan objekton; 8. arbo-ŝelo el kiu oni faras ŝtopilojn, vidu la desegnaĵon.

# ESPERANTO –




## NOVA VIDEO-FILMO EL USONO

„MAZI" akiras adeptojn[1] por Esperanto tra la tuta mondo.

Kaj nun estas produkt'ata alia instrua video-filmo por Esperanto. En la 82-a UK (=Universala Kongreso), Adelajdo, Aŭstralio, la reklama[2] prov'kurso kaptis la atenton de multaj kongres'anoj.

***„Pasporto al la Tuta Mondo"*** malsimilas de „Mazi" en tio, ke ĝi uzas vivantajn ge-aktorojn[3] (el naŭ landoj de kvar kontinentoj) anstataŭ desegnaĵojn, krome, ĝi celas pli aĝajn lernantojn, kurs'anojn kaj, fine, ĝi enkondukas ilin ne nur en la lingvon, sed ankaŭ en la Esperantan kulturon.

## KIEL ASPEKTOS LA VIDEOKURSO?

La videokurso konsistos el 15 duon'horaj lecionoj en rekta metodo[4], sekve la samaj video-bendoj[5] povos esti uz'ataj ie ajn en la mondo. La verkisto, *d-ro Paul Gubbins* (verk'into de la sukcesa lerno-libro ***Kun-vojaĝu***) celas, ke la lecionoj havu pretertempan karakteron, tio estas ili povu esti uzataj sen-ŝanĝe dum multaj jaroj.

La ĉefaj rol'antoj estas kvin anoj de Familio Bon'volo: *Georgo, Filisa, Karlo, Jolanda* kaj *Helena* (vidu desegnon pri ili sur la sekva paĝo). La lecion'aro uzas fotojn, land'kartojn, desegnaĵojn, ekzercojn parol'igajn kaj gramatikajn[6]. Labor'kajero en Esperanto kaj naciaj lingvoj akompanos la videobendojn.

## LA PRODUKTANTOJ BEZONAS VIAN HELPON!

Laŭ la informo de la ĉef'organiz'anto[7], *Lucille C. Harmon* la film'igo de ĉiu leciono kostas 20 mil USD (=usonajn dolarojn). La unuaj kvar lecionoj estas nun film'ataj. Antaŭmendoj estas bon'venaj: 85 USD por 4 lecionoj, aŭ 300 USD por la 15 lecionoj. ELNA (=Esperanto-Ligo por Norda Ameriko) deziras fin'produkti la tutan videokurson en tri jaroj.

La mono, kiun ELNA kolektos per antaŭmendoj, multe helpos, sed ne sufiĉos. Por plen'financi[8] la tutan projekton (el kiu tiras profiton nek ELNA, nek la kun-labor'ant'aro) necesas peti la helpon de mecenatoj[9], ĉu individuaj[10], ĉu grupaj. Donacojn por la projekto bon'volu sendi al:

**ELNA - Videobenda Projekto - Box 1129, El Cerrito CA 94530 Usono**

aŭ

**UEA (konto nmvm-n), Nieuwe Binnenweg 176, NL3015-BJ Roterdamo, Nederlando**

Pliajn informojn povas doni: *Lusi Harmon*, ELNA Videobenda Projekto, 2389 Thackeray Drive, Oakland CA 94611 Usono. Retadreso: <LusiHarmon@ aol.com>.

1. sekv'anto de ideo; 2. io, kio kon'igas ion, plej ofte komerc'aĵon; 3. teatr'isto; 4. maniero instrui; rekta metodo uzas nur la cellingvon; 5. long'ega mallarĝa kaj maldika materialo; 6. gramatiko: regul'aro de lingvo; 7. aranĝi afe-rojn; respond'eci; 8. ebl'igi per mono; 9. homo, kiu mon'helpas sen rekompenco; 10. ĉi tie: unu-sola.






**Bonan nokton**
(Lul'kanto el Ĉado)




## La lasta floro

Jen la titolo de maldika 32-paĝa bildo-libreto pri (kaj fakte kontraŭ) milito. La aŭtoro verkis ĝin ne post milito (re-aĝe) sed en 1939, tuj antaŭ unu el la plej grandaj militoj de nia tuta historio. La verk'into, uson'ano *James Thurber*, naskiĝis en 1894 kaj mortis en 1961. Li estis ĵurnalisto kaj desegnisto, pli precize karikaturisto. Ni ne miru, do, ke ĉi tiu verko konsistas el 49 bildoj kaj nur 280 mane skrib'itaj vortoj. Tamen, sufiĉe por prezenti simplan sed ironian rakonton pri la kaŭzoj kaj efikoj de militoj.

En meza aŭ supera kurso la verko donas bonan komenco - punkton por diskuto pri tiuj temoj. Ĝi estas bone uzebla, ĉar la bildoj helpas klar'igi multajn (sed ne ĉiujn) vortojn. La tradukon faris *Liland B. Ros'*, eldonis Eldonejo Bero, P.O. Box 13492, Berkeley CA 94612, Usono (2. 60 USD). Mend'ebla ankaŭ ĉe UEA (4.80 NLG).

*smg*

# AVENTURRIĈA ORIGINALA[1] ROMAN'ETO POR GEKNABOJ!!!




Nia sveda libro-el-donejo ***Al-fab-et-o*** ĵus aperigis tre bonan 80-paĝan roman'eton de nia bone kon'ata verk'isto *Sten JOHANSSON*. La historion akompanas 20 belaj desegnaĵoj de *Beatrix Svenonius*. La romano rakontas pri ses geknaboj kiuj pli aŭ malpli bone parolas en Esperanto, tio estas, ili estas denask'uloj, kiuj de-venas el diversaj landoj: Svedio, Finnlando, Serbio, Rusio.

Per hazardo[2], dum la someraj ferioj ili renkont'iĝas en malgranda sveda urbo.

Poste, la ses-opo (vidu ilin sur la apuda bildo) tra-vivas vere streĉajn aventurojn kaj, fine, kaptas du danĝerajn ŝtel'istojn de arm'iloj. Homo, kiu komencis legi la romaneton, ne facile povas ĝin de-meti.

La lingv'aĵo estas ĉiu-taga Esperanto, ne tro facila, sed simpla, kompren'ebla, senriproĉa. Oni trovas en ĝi multajn „sukajn" esprimojn, la lingvo-scio de la leg'anto povas multe pli-riĉ'iĝi. Ideala leg'aĵo! Nepre aĉetu ĝin kontraŭ 12 NLG (nederlandaj guldenoj) ĉe ***Al-fab-et-o,*** Bergslagsgatan 14, 8 van, SE-60217 Norrköping, Svedio. Inform'paĝo pri *Al-fab-et-o* troviĝas en Intereto: http://www.esper-anto.se/al-fab-et-o/



1. ne traduk'ita, verk'ita rekte en Esperanto; 2. ne-plan'ita, ne-antaŭ-vid'ita okaz'aĵo

✉ Du 17-jaraj lernantinoj deziras korespondi pri ĉiuj eblaj temoj. Skribu al *Marzena Spoczyńska*, ul. Kraszewskiego 4 m. 59, PL-87-100 Toruń, Pollando.

✉ 23-jara studentino deziras korespondi pri ĉiuj eblaj temoj. Ŝia adreso: Katarzyna Krępeć, Jaranowo – 4, PL-87-704 Bądkowo, Pollando.

✉ 15-jara lernanto deziras korespondi kun ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj. Skribu al *Cezary Kletkiewicz*, Bobrowniki n. Wisłą, Woj. włocławckie, Pollando.

✉ Tri 16-jaraj gelernantoj deziras korespondi tutmonde pri muziko, hundoj, sporto, interŝanĝi esperantaĵojn. Skribu al ilia instruistino: *Tatjana Vtorova*, 50 let Oktjabrja 20-283, RUS-400082 Volgograd, Rusio




✉ 15-jara lernanto deziras korespondi kun multaj landoj. Adreso: *Danilo Furlan*, Zabocevo 21, SI- 1353 Borovnica, Slovenio.

✉ 15-jara knabo deziras korespondi kun multaj landoj de la mondo. Lia adreso: *Valentin Klakocer*, Smartno ob Paki 84, SI-3327 Smartno ob Paki, Slovenio.

**Ni preferas aperigi adresojn de junaj legantoj kaj iliaj instruistoj.**

**SOLVOJ** de taskoj en antaŭa numero

***Horizontale kaj vertikale:*** radio, dudek, onklo.

***Trovu la mankantajn numeralojn:*** akvario, patrino, sekvinbero, sesio, septembro, roko, punu, koko, kamomilo, apenaŭ, pentristo, deklivo, docento, paduso, kunulo, almenaŭ, tribuno, pendumilo, kosmonaŭto

Gajnis: Denize Hubert, Sarreguemines (Francio)


## juna amiko

Internacia Esperanto-Revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj

24-a jaro, n-ro 3 (82), 1997

Aperas 4 fojojn jare.

Redaktoro: *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario)

Ret'adreso: bjg@mail.datanet.hu

Abona adreso: Juna amiko, Pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario

Eldonanto: ILEI, Södra Rörum 455, S-24294 Hörby, Svedio

Lingva reviziantos: *André Albault* (Francio)

Kunlaborantoj: *Tatjana Auderskaja* (Ukrainio), *Lisbet* kaj *Bertil Andreasson* (Svedio), *Stefan MacGill* (Hungario), *s-ino Raita Pyhälä* (Finnlando), *s-ino Monique Noël* (Francio), *s-ino Jennifer Bishop* (Aŭstralio), *Baldur Ragnarsson* (Islando), *Gennadij Basov* (Rusio), *Brandhyl Mezini* (Albanio), *Till Dahlenburg* (Germanio), *Rinzo Okumura* (Japanio), *Zoltán Kurucz* (Hungario); *Melinda Sántha*, *Monika Molnár* (Hungario), *Pavel Rak* (Ĉeĥio) grafikistoj

Farita en la presejo de handikapuloj en Kőbánya

Basa u. 1., H-1107 BUDAPEST, Hungario

**ISSN 0230 1314**

# humuro

el la kolekt'aĵo de Bernard Golden



## MAL-JUSTA PLENDO

„Via hundo la tutan nokton bojis[1] antaŭ la domo. Kial vi ne lasis ĝin en-iri?"

*„Tio ne estis mia hundo. La mia havas ŝlos'ilon por la pord'ego."*

## EN CIRKO[2]

„Kiel povas esti, ke tiel mal-forta kaj mal-dika viro estas tre bonà dres'isto[3] de tigroj[4]?"

„Ĉar kiam la tigro rigardas al li, ĝia a-petito[5] mal-aperas."



## RUZA PACIENTO[6]

Sur recepto[7] la kuracisto skribas instrukciojn[8] pri dieto[9], por ke la paciento ne forgesu.

La paciento rigardas la recepton kaj demandas:

„Doktoro[10], ĉu oni devas preni ĉi tiun dieton antaŭ aŭ post la manĝado?"




## ZORGA ŜPAR'EMO

„Kiom da benzino[11] konsumas[12] tiu ĉi aŭto?" demandis skoto la vendiston. Tiu ĉi respondis:

„Preskaŭ neniom. Nur po unu kuleron en cent kilometroj."

„Bone, bone, sed ĉu temas pri kaf'kulero aŭ sup'kulero?"

1. hunde bleki; 2. amuz'ejo por infanoj kun bestoj kaj gaj'ig'isto; 3. homo, kiu obe'igas sovaĝ'bestojn; 4. kat'ego; 5. manĝo-deziro; 6. kurac'ato; 7. paper'folieto por kurac'ilo; 8. konsiloj, kiujn oni devas sekvi; 9. manĝo kun evito de, ekzemple, viando, sukero ...; 10. al-parolo al kuracisto; 11. hejt'materialo por aŭtomobiloj; 12. for-uzas